1-a kongresa n-ro. „NIA XVIII-a.“ Januaro 1936.

TUTMONDA KONGRESO DE KATOLIKAJ ESPERANTISTOJ,
BRNO 4—8. VIII. 1936.

# INFORMILO

de

## Ligo de katolikaj esperantistoj en Ĉeĥoslovakujo.

Aperas kvarfoje en la jaro.

„*Unu ŝafejo kaj unu paŝtisto*“.
*(Joh. X. 16.)*

## BRNO VIN INVITAS, KARAJ GEFRATOJ EL TUTA MONDO!

Sen granda bruo, sed tamen fervore kaj eĉ grandstile estas preparataj en Moravia ĉefurbo Brno, plej grandaj festoj de nia movado, TUTMONDA KONGRESO DE KATOLIKAJ ESPERANTISTOJ. Estis jam decidite okazigi ĝin de 4—8a de Aŭgusto 1936 kaj Loka Kongresa Komitato jam nune diligente laboras, por ke al niaj karaj kongresgastoj nenio manku, por ke ĉiu sentu sin inter ni kiel en sia propra hejmo.

Gravaj demandoj rilate nian movadon, kaj celadon estos diskutataj kaj L. K. K. certigas sufiĉe da tempo, sed tamen neforgesas doni al ĉiu eblecon ekkoni la nacian kulturan vivon, kiun ekkomencis ĉe ni la sanktaj fratoj Cirilo kaj Methotdo kies 1050 jaran jubileon ni ĉi-jare festas. Jen karaj gesamideanoj brilaj ekzemploj por ni. La sanktaj fratoj de malproksime iras al frata sed tamen ne konata lando alportante amon, pacon — savon. Ame kaj pace, laboris niaj amataj naciaj patronoj kaj rezulto: alkonduko de-l' tuta ĉeĥa nacio al Kristo.

Esplorante la pli ol miljaran kulturon certe vi interesos pri lando. Kaj ni senlace agas kun fervojoficoj



BRNO. - Katedrala preĝejo de st. Petro kaj Paŭlo.

ricevi tiaj rabatoj, ke ĉiu povu ĉeesti la tre interesajn kaj instruajn ekskurzojn. Nur du, (pro manko da tempo) estos oficialaj: Al Moravia karsto vera subtera urbo farita el belegaj stalagmitaj kaj stalagtitaj grotoj; mirigaj formoj arte lumigitaj transportas nin en sferoj de fabeloj, precipe kiam ni estas ŝipveturantaj sur misteraj — verdaj lagetoj, en grotoj kaj sur fundo de Abismo Macocha



Placo Dominikánské kun nova magistrata domo - maldekstre: preĝejo de sta Mikaelo-ĉefanĝelo.

troviĝantaj. Efektiva fabelo, vera mondmiraklo! (Atenton! Tiu ĉi ekskurzo okazos antaŭ kongreso — vidu programon).

Dua ekskurzo: al Znojmo, Vranov kaj en la belegan valon de rivero Dyje sur kiu estis konstruita giganta Val-konstruaĵo kaj tiel farita grandega lago. — Al tiu ĉi ekskurzo ni dediĉos tutan tagon, escepte la laborkunsidon, kiun ni tie faros. — Ni ekvidos belan kaj historian urbon Znojmo, ĝian unikan ĉirkaŭaĵon, riverbanejon (okazo al bano), grandan bierfabrikon k. a. Poste, veturante tra ĉarmaj valoj de Dyje, ni ĝuos la belaĵojn de naturo. Ĉe urbo Vranov nin mirigos la moderna grandega valkonstruaĵo kun elektrofabriko; unu el plej grandaj en Meza Eŭropo.

Pri la propraj kongresaranĝoj ni skribas sur alia loko, sed speciale ni akcentas la aranĝon de: Internacia ekspozicio de Esperanto, kiu estos instalita dum la kongreso. Komencos proksimume la 25an de Julio kaj daŭros ĝis 15an de Aŭgusto, kaj alportos veran bildon de tutmonda esperanto-movado.

Loka Kongresa Komitato en nomo de Ĉeĥoslovaka kaj Brno-a esperantistaro kore invitas vin al plej grandaj niaj festoj kaj esperas, ke per tuja aliĝo vi instigos nin kaj ebligos al L. K. K. prepari niajn festojn tiel, ke illi enskribiĝu en viaj memoroj je longajn jarojn.

Loka Kongresa komitato de „NIA XVIIIa“.

## ĜOJA SCIIGO!

En longa vico de ĝis nun aliĝitaj gekongresanoj troviĝas tuta estraro de Ligo de katol. esperantistoj kun prezidanto LIA E. MOŜTO Dro ANTONIO ELTSCHKNER, helpepiskopo de Praha.




Stacidomo de Brno.



Nacia teatro en Brno.

# XVIII-a internacia kongreso de katolikaj esperantistoj. Brno 4—8. de Aŭgusto 1936.

Leteradresoj: Loka Kongresa Komitato, Aleš Berka, prez., Brno, V jirchářích 8. Ĉeĥoslovakujo.

Pagoj al Ĉeĥoslovaka poŝtĉeka konto „Loka Kongresa Komitato de Nia XVIII-a en Brno“115.762 B.

PROVIZORA PROGRAMO.
de Nia XVIII-a.

Marde 4. de Aŭg. Antaŭtagm:

Alveturado de kongresanoj.

Posttagm.

I-a kongresa ekskurzo al:

MORAVIA KARSTO, kaj ABISMO MACOCHA.

Vespere:

Interkonatiĝa Vespero.

Merkrede 5. de Aŭg.:

7h30 E. prediko I.
8h solena sankta meso kun sta komunio.
Matenmanĝo.
10h solena malfermo de kongreso en ĉeesto de protektoroj, anoj de honora komitata. Dissendado per radio. I-a laborkusido. Fotografado — Komuna tagmanĝo.
Posttagmeze:
14h rondveturado en Brno.
Vespermanĝo, poste:
Arta, nacia vespero.

Ĵaŭde: 6. de Aŭg.:

Matene sta meso, II-a E. prediko, matenmanĝo, II-a laborkunsido, — Akcepto flanke de urbestraro — komuna tagmanĝo — Posttagmeze: III-a laborkunsido — Vizito de:
INTERNACIA EKSPOZICIO DE ESPERANTO. — Vespero rezervita.

Vendrede 7. de Aŭg.:

II-a kongresa ekskurzo: al ZNOJMO tie: sta meso, III-a E. prediko, trarigardo de urbo, fama riverbanejo, kaj bierfabriko. — Tagmanĝo — Forveturo al VRANOV, tie trarigardo de giganta Valkonstruaĵo, elektrafabriko, IV-a laborkunsido, perŝipa veturado al-BITOV-kastelo (vidu la suban bildon sur paĝo 5a) vespere reveno al BRNO.

Sabate 8. de Aŭg.:

Matene sta meso, IV-a E. prediko, matenmanĝo, — V-a laborkunsido kaj fermo de la kongreso.



Monteto kun mondkonata kastelo Ŝpilberk.



Parnas: historie valora monumento-akvujo.

# Internacia ekspozicio de esperanto.

BRNO — Julio—Aŭgusto 1936. — ĈEĤOSLOVAKUJO.

Okaze de tutmonda kongreso de I. K. U. E. en Brno-a 1936 estos en grandaj, saloj de Brno-a kultura domo, aŭ en ejoj de Landa ekspoziciejo, aranĝita granda internacia ekspozicio de esperanto. Ĝi daŭros kelkajn semajnojn kaj donos okazon trastudi nian movadon al ĉiuj esperantistoj kiuj aŭ speciale aŭ okaze de kongreso en nian urbon alveturos.



Monumento de Paco sur batalejo de Napoleono, ĉe Slavkov (20 km de Brno.)



Belega valo de rivero Punkva, kondukas nin en fabelan, sub-teran urbon de Moravia Karsto.

La ekspozicio enhavos ĉiujn fakojn de la homa agado en kiujn jam esperanto enpenetris aŭ en kiuj estus dezirinde eklabori. Ĝi montros novajn vojojn, pli bonajn agmanierojn, por ke nia esperanto movado pli rapide atingu tion, kion ni atingi devas.

Al ne-esperantistoj ĝi montros senliman utilecon eĉ necesecon por la moderna homo kaj ĝia vivo. La ekspozicio ankaŭ devas ŝanĝi maljustan opinion de publiko pri nia afero. Ĝi ja certe faros grandan kaj bonan propagandon kaj alportos al nia movado multajn profitojn moralajn.

Ni preparos la solenan malfermon de ekspozicio kun ĉeesto de reprezentantoj de ŝtataj oficoj kaj diversaj korporacioj. Dum la ekspozicio ni instigados al grupa ĉeesto de esperantistoj el la tuta mondo kaj por ili ni prizorgos ĉion necesan, loĝadon, ekskurzojn, k. s. Certe tiu ĉi grandega entrepreno estas inda ankaŭ vian atenton, kaj ni petas ĉiun bonvolulon, sendu al ni viajn aĵojn el kiuj ni faros kolektojn kaj ilin instalos.

Ĉiujn sendaĵojn direktu al L. K. K. de Nia XVIIIa, prez. s-ro: Aleš Berka, Brno, V jirchářích 8. Ĉeĥoslovakujo. (Al demandoj aldonu respondkuponon aŭ enlandanoj p. m.). Afrankajn elspezojn de sendaĵoj ni laŭ via deziro ev. pagos.

L. K. K.

# Kultura vivo en Brno.

(De s-ano Liška, ano de Landa Teatro.)

La urbo Brno havadis ĉiam fortan ĉeĥan majoriton, sed la kapitalo estis en manoj de germanoj.

Se, do en jaro 1785 ekbrulis ne longdaŭra sed terura fajrego, kiu en unu horo detruis unuan stabilan — jam 50 jaroj ekzistatan — teatron de Brno, estis tio teatro germana. Kaj jam la 16-an de januaro 1786 vidas placo Zelný trh, la duan fajregon de ĵus finkonstruita teatro, kiun laŭ ordono de Imperiestro Josefo II-a oni tuj konstruis apud nuntempa Reduto, — la tria teatro. En jaro 1814 estis la tria teatro bele adaptita, tiel ke la riĉaj Brno-anoj havis la plej belan teatron de iama Austria imperio.

# ZNOJMO.

Unutaga gastiganto de „Nia XVIII-a“.

(De Josefo Melan, sekretario de katol. E. klubo en Znojmo)

Sur Altebenaĵo, en rondo de mezepokaj fortikaĵoj estas ĉirkaŭ ĉarma turo de magistrata domo kunpremita Malnova Znojmo kun kastelo, regante la tutan valon de rivero Dyje de Trousnice ĝis memorinda Louka. Domo ĉe domo altaj tegmentoj de preĝejoj, turoj, pordegoj el pasintaj jarcentoj, tio ĉio kaŭzas impresojn de fabela romantiko. Jen la bildo de iama glora reĝa urbo. Nune muskokovrita kastelo „Znojem“ estadis en jaroj 1054—1189 sidejo de apanaĝaj princoj.

En la jaro 1279 oni transportis en Znojmon korpon de fama Ĉeĥa reĝo Přemysl Otakaro II-a, kiu pereis en malfeliĉa batalo sur „Moravia Kampo“.

Allogeco de Znojmo baziĝas ĉefe en propra karaktero de ĝia arĥitekturo, en glora pasinteco kies okazaĵoj tuŝas preskaŭ ĉiun domon de malnova urbo. Sed ankaŭ en nunaj tempoj la evoluo de Znojmo ne haltiĝis. Novaj kvartaloj en moderna stilo estis konstruitaj. La urba river-banejo apartenas al plej belaj kaj komfortaj en meza Eŭropo. Etendiĝas sur riverbordo pli longa ol 800m; abaŭflanke de rivero estas lokigitaj 3 pavilonoj, ĉiu kun 300 kabinoj kaj kaŝejo por vestaĵoj de 2000 personoj. Herbejaj ludejoj, glitrelvojoj, ĉiuj aliaj banejaj iloj, ŝipetaro, restoraciaj kaj kafejaj entreprenoj estas ĉiutage dum somero uzataj de multego da homoj kaj ĉio faras bildon neforgeseblan. Belega valo de Dyje kun freŝverdaj arbaroj traplektitaj de serpentaj vojetoj, ĉirkaŭas la banejon kaj donas al ĝi freŝan, puran kaj sanigan aeron. Nemirinde, ke tio ĉio allogas ĉiusomere amasojn da enlandanoj kiel ankaŭ eksterlandanoj. Venu, vidu, ĝoju!



Pancramo de Znojmo kun rivero Dyje.

---

En tiu ĉi teatro, kiam ĝia direktoro estis Josefo Schmidt, okazis en jaro 1815 la unua ĉeĥa prezentado. Pro emocia akcepto flanke de ĉeĥa publiko oni permesis ludi ĝin nur unufojon. En ĉeĥa lingvo oni ludis la duanfojon la 22-an de januaro 1822 — do sep jaroj poste. La aŭtoro de dua teatraĵo estis kantisto Václav Michalesi. Mortis en Brno en jaro 1840 tute forgesita.

Post 9jara paŭzo oni ree ludis en jaro 1831 pro meritoj de ĉeĥa aktoro Karlo Ruber. De tiu tempo oni ludis sufiĉe regule, ĉar ĉeĥaj multnombre vizitataj ludoj savigis la urban teatron antaŭ bankroto. Dum jaro 1836 oni jam ludis 30foje kaj du jaroj poste estis ĉiu-lunde, pli poste eĉ ĉiu-dimanĉe posttagmeze kaj vespere, donataj ĉeĥaj teatraĵoj. Dume la rigardejo




Valkonstruaĵo ĉe Vranov. Lago - kaj ĉirkaŭaĵo. Detalan priskribon alportos 2a kongresa n-ro de „Informilo“.

estis tute okupita, la pli multekostaj loĝioj estis liberaj, ĉar ĉeĥaj Brno-anoj estis malriĉaj.

En tiu tempo ludis ankaŭ en gastejo „U Mondšajnů“ en Malnova Brno, ia malriĉa aktorkolektivo. Sur ilia scenejo kantis merkrede la 3-an de Oktobro 1838 fama barytonisto Joano Baptisto Píšek unufoje: Kde domov můj? (Kie mia hejm'?) tiam ankoraŭ amata kanteto de malriĉa komponisto Škroup, nune triumfanta himno de ĉeĥoslovaka nacio. De tiu ĉi gastejo venis la kanto en urban



Landa ekspoziciejo en Brno.

teatron, kie ĝin kantis la 3-an de majo 1840 basisto Dvořák.

Plej grandan sukceson atingis la ĉeĥa sceno per teatraĵo de Škroup. D r á t e n í k (Metalfadenisto), opero. Sed post morto de Ruber la ĉeĥaj ludoj estis malpermesitaj kaj restis nur marioneta sceno de s-ro Dubský ie en Malnova Brno.

La deviga paŭzo daŭris ĝis la jaro 1863. En tiu ĉi jaro tuta ĉeĥoslovaka nacio solene festis la 1000jaran datrevenon de alveno de sanktaj fratoj Cirilo kaj Methodo en niajn landojn. Tiujn festojn ĉeestis en Brno ankaŭ konata ĉeĥa historiisto kaj politikisto Frant. Palacký. Solenaĵoj vekigis la ĉeĥan artan kaj kulturan vivon. Estis fondita societo de ĉeĥdiletantoj kiu revenis en gastejon „Ĉe luno“ (U Mondŝajnů), sed plej grandan agadon la societo montris. ĝis en jaro 1867, ludante sur diversaj lokoj kaj fine ankaŭ en reprezenta domo de ĉeĥa katolika politika partio, en Besední dům. (Daŭrigo).

Redakcio kaj administracio: Brno V jirchářích 8. (S-ro Aleš Berka). Eldonas: Klubo de katol. esperantistoj, Brno.
Presas: Občanská presejo, Brno. Novin. sazba povolena ze dne 10. XII. 1935 řed. pošt a teleg. v Brně č. 101.873/VI.
Podací pošt. úřad Brno II.

# XVIII-a internacia kongreso de katolikaj esperantistoj en Brno 4—8. aŭgusto 1936
kaj
# Internacia ekspozicio de esperanto. Brno–Ĉeĥoslovakujo.

## ALIĜILO.

Nomo: ........................................

Profesio: ........................................

Adreso: ........................................

Ano de esperantista asocio: ........................................

Per pagilo mi sendas kongreskotizon . . . . . . . . . . . . . . . . Kč 30.—

Mi mendas kaj samtempe pagas:

unu/du-litan ĉambron en hotelo por ............ noktoj . . . . . . . . Kč ............

privatan loĝejon por ............ noktoj . . . . . . . . . . . . . . . . Kč ............

liton en komuna dormejo por ............ noktoj . . . . . . . . . . . . Kč ............

komunan manĝon (tag-, kaj vespermanĝon) por ............ tagoj . . . . Kč ............

mia donaco por kongresa kaso . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Kč ............

(Streku, kio ne taŭgas). Sume: Kč ............

Dato: ........................................

........................................
Subskribo.

G r a v a a t e n t i g o: La aliĝilo estu sendita tuj al jena adreso: Loka Kongresa Komitato de Nia XVIII-a, prez. Aleš Berka, Brno, V jirchářích 8. Ĉeĥoslovakujo. Ĉiujn demandojn ni respondos se oni almetos poŝtmarkojn aŭ respondkuponon.

Ĉiu aliĝinto ricevados kongresan gazeton: „Informilo“ en kiu li trovos informojn pri kongresajn kaj pri nepre vizitindaj ekskurzoj al Moravia Karsto kaj Abismo Macocha, krom multaj aliaj aktualaĵoj.

Prezoj: 1-lita hotelĉambro 25—35 Kč, dulitaj 40—60 Kč, en privataj domoj 10—20 Kč por lito kaj nokto. Lito en komuna dormejo 5.— Kč. Manĝoj: tagmanĝo aŭ vespermanĝo kun farunaĵo: ĉirkaŭ 10.— Kč laŭ nombro.

Kongresan kotizon pagu tuj. Nia kongresa konto ĉe poŝtŝparkaso en Brno havas n-ron 115.762 — B. al kiu estu ĉiuj pagoj senditaj. Menditajn: noktojn, manĝaĵojn, bonvolu pagi almenaŭ 2monatoj antaŭ la kongreso. Legu atente la „Informilon“ aŭ Espero Katolika, en kiuj aperados ĉiuj necesaj informoj.

Dokumentojn, kaj memoraĵojn pruntu al L. K. K. por ke ni uzu ilin en: INTERNACIA EKSPOZICIO DE ESPERANTO.

---

Aldono al „Informilo“.